# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 10/01/2019 Kvarcentoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;


***Uzindaj ligoj.*** *openclipart. * *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 773,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **356,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **308,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **109,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

### N.ro 50 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








Je la fino de tiuj paragrafoj PAG klarigas la diferencon inter la signifoj de “propozicio” kaj “frazo”. Kvankam en lingvismo la vorto “propozicio” havas nur unu limigitan signifon, la vorto “frazo” havas, en etnaj lingvoj kaj en Esperanto diversajn signifojn. Dum “frazo” povas signifi ankaŭ kelkajn vortojn, do ankaŭ parton de propozicio, PAG uzas ĝin ĉi tie en la signifo pli vasta ol “propozicio”, nome iu ajn longa unuspira sisekvo de propozicioj, kiuj lastaj reduktiĝas al frazo konsistanta el nur unu Subjekto, unu Objekto, unu Predikato, kaj kelkaj Adjektoj. Ne pli. Kiam oni multobligas tiujn frazpartojn, aŭ la Propozicion mem, oni havas “frazon”.



Laŭ PAG “frazo” estas “dismeto de sence kompleta, memstara kompleksa koncepto en sintakse interrilatantajn detalkonceptojn”.

*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 5a de januaro estis la unua sabato. Venis Roger Springer, Eunice Graham, John Casey kaj Rainer Kurz. *Roger Springer*





Roger kaj aliaj, Feliĉan Novjaron ! - Johano MASSAM, Perto, Okcidenta Aŭstralio



# matena stelo



Estis la kvara matene en la lastaj tagoj de 2018 kaj mi ne povis dormi. Mi ellitiĝis, pretigis kaj trinkis tason da teo kaj finsolvis krucvortenigmon.

Je la kvina, estis preskaŭ sunleviĝo. Ĉio videblis ekstere kaj en la orienta ĉielo brilegis matena stelo. Neniam en miaj 84 jaroj antaŭe mi ĝin vidis. Mi rigardis, rigardadis; ĝi aspektis kvazaŭ nemoviĝanta ekstertera fremdaĵo.

La suno leviĝis, briligis la arbojn en la najbaraj kortumoj, sed ankoraŭ 'mia' stelo videblis, kvankam pli kaj pli malbrila. Tre, tre malrapide ĝi paliĝis dum la ĉielo pli heliĝis. Kaj tamen ĝi restis. Estis sennuba mateno, birdoj preterflugis, kukubaroj (alcionoj) komencis ridegi, la unuaj aviadiloj de la tago tre alte flugis celante aliajn kontinentojn. Mi atendis, okuloj suprenfiksitaj ĝis, finfine je preskaŭ la kvina kaj duono, la misteraĵo malaperis el mia vidpovo, kvankam - verŝajne - nun en iom pli alta pozicio! Ĉu vere mi vidis stelon? Aŭ ĉu ian perhomo-kreitan estaĵon? Eble ventobalonon? Se jes, kia desapontiĝo. Kion vi opinias?

*Vera Payne*



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj



# Ĉu vere Esperanto estas facile lernebla?



Jen kelkaj ekzemploj pri la facileco de nia kara lingvo: "Viro, kiu tre malbone vidas, aĉetas al si legovidebligilojn. Feliĉe por li ili estas ne tro multekostaj. Hejme li

tamen trovas ke mankas io. Se li estus aĉetinta ilin en multekosta videbligilvendejo kontraŭ centoj da dolaroj li estus senkoste ricevinta ankaŭ legovidebligilujon, en kiun li povus meti la legovidebligililojn post kiam li estus finleginta tion, kio gravus al li, nome la mondfaman kaj popularan "Aŭstraliaj Esperantistoj".

Tion vi facile povis kompreni, ĉu ne? Sed jen, ni daŭrigu; "Nun estas malfrua vespero. La viro estas dormema kaj volas enlitiĝi. Ie en lia loĝejo troviĝas krom sidĉambro, pli logike nomata "sidejo", sed tamen ne ofte estas, la logika vorto estus "sidloĝejero", ĉu ne? Troviĝas ankaŭ loĝejbanejero kaj loĝejmalmanĝejero, ĉar kelkfoje oni bezonas ankaŭ tian loĝejeron. En la loĝejeraro troviĝas ankaŭ la loko, kiun li plej deziras. Nome lia lito, kiun li, se li havus hundon, dividus kun ĝi. Sed en tiu lia plej dezirata loĝejero troviĝas ankaŭ io alia necesa kaj dezirata, nome meblo konsistanta el tirkestoj. Estas en ĝi ok tirkestoj ĉiuj preskaŭ plenplenaj de aĵoj diversaj. Feliĉe, inter tiuj multaj malsamaj aĵoj li trovas ankaŭ legovidebligilujon, en kiun li do metas siajn legovidebligilojn! Nu, tiu nia amiko, antaŭ ol enlitiĝi, deziras ien meti siajn novajn legovidebligilojn en la legovidebligilujo. Sed, ĉar tiu ĉi vera raporto pri malbone vidanta viro, do "malbonvidanto" estas vera, mi provas rakonti ĝin en maniero plej facile komprenebla ankaŭ al vi! Eltirinte ĉiujn ok tirkestojn li preskaŭ sufiĉe facile elektas iun, kiu ankoraŭ havas lokon por legovidebligiloj. Tiu fakte estas la plej supra tirkesto, kiu situas maldekstre de la dekstra tirkesto.

Do metinte siajn nun ne plu tute novajn legovidebligilojn en la videbligilujon, aŭ ĉu mi devus diri "videbligilujeton"? li metas ilin en tiun tirkeston supre kaj maldekstre de la dekstra tirkesto. Tio estas tre facile komprenebla, ĉu ne?

Do, nun la maldekstra plej supra tirkesto estas ankoraŭ malfermita. Necesas do fermi ĝin, mi supozas. Tiu nia amiko plejege verŝajne dormados multe pli bone, se li scias, ke liaj preskaŭ tute novaj legovidebligiloj kuŝas sekure en la plej supra kaj maldekstra tirkesto, ĉu ne?

Li do, antaŭ ol enlitiĝi, alproksimiĝas al la tirkestaro kaj enpuŝas tiun supre nomitan tirkeston en ĝian tirkestingon. Tiam li povas, kun bona konscienco, eniri sian liton. Bedaŭrinde li ne povos vidi tion, kion li sonĝos, ĉar sen siaj legovidebligiloj li ja ne povos vidi multon. Ni esperu do, por li, ke li estas tro laca por ion ajn sonĝi! *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu kredi au ne kredi?

Kara Marcel!

La kuracado de Placido Domingo estas multe pli kompleksa, kaj pli riskoplena, ol nura forpreno de malsana sango, kaj redono de sana. Tia relative nova kurac-metodo nun haveblas en Aŭstralio, ne nur por riĉuloj; sed ĝi ne troveblis ie ajn, kiam via patrino malsanis.

Ĉiu, ĉu riĉa aŭ ne, rajtas kredi aŭ ne kredi je Dio aŭ dioj laŭplaĉe. Sed laŭ mi, oni ne rajtas frapadi mian pordon por varbi siajn kredojn!

Elkore amike salutas vin,



*Margaret Furness*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**'ĈU DIO EKZISTAS?'** estas demando de Marcel en *AE 407*

Mi tre esperas ke mia multe aprezata unua instruisto de Esperanto estas regajninta tre bonan sano-staton.

Danke al la Universitato de Georgio en Usono sur paĝoj 59 – 61 de *Realigas la Mondan Pacon* senpage legeblas unu respondo pri tiu enketo:

(1) http://bahai.uga.edu/Realigas_la_Mondan_Pacon.pdf

Alternative bonvolu turni vin al la senpaga arkivo de *Esperanto sub la Suda Kruco* (p. 28 – 30)

(2) http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/ESK-124-sep2016.pdf

En tiuj komentoj miaj vi rimarkos gekaraj ke plej parte de logika elirpunkto ĉi tiu amatoro verkas.

Tamen, ekstraktoj samloke esperantigitaj de T. Steele el (1) sur p. 125 alfrontas la gravegan Marcelan demandon de metafizika *kaj* logika elirpunktoj:

“Mi perfektigis en ĉiu el vi Mian kreaĵon, ke la boneco de Mia metiado estu plene rivelata al la homoj. Sekve do ĉiu homo povis kaj daŭre povos per si mem aprezi la Belon de Dio, la Glorata. Se li ne ricevintus tian fakulton, kiel oni povus juĝi lin pro lia neatingo?” “Ĉiu evento devas havi originon, kaj ĉiu domo konstruinton.”

“Diru: la Naturo en sia esenco estas la realiĝo de Mia Nomo, la Farinto, la Kreinto. Ĝiaj manifestaĵoj estas diversigitaj de variaj kaŭzoj, kaj en tiu diverseco estas signoj kapteblaj de perceptipovaj homoj. La Naturo estas la volo de Dio kaj estas ĝia esprimo en kaj tra la dependa mondo. Ĝi estas Ordigo de la Providenco starigita de la Ordiganto, la Ĉiel-Saĝa.”

“Ne decas al vi rigardadi pasintajn aŭ pli proksimajn epokojn. Parolu pri la nuna tago kaj laŭdu tion, kio okazis en ĝi. Vere, tio sufiĉos por la tuta homaro. Fakte klarigoj kaj diskursoj pri tiaj aferoj frostigas la spiriton. Decas al vi tiel paroli, ke la koroj de veraj kredantoj ekflamas kaj iliaj korpoj eksoras.”



*Postrikoltoj* [angle: Gleanings] *el la verkoj de Bahá’u’lláh* n-ro 75

Amike *Paul Desailly*

Antaŭ 20 jaroj en Perto mi surpaperigis la Trevor-an tradukon. Li ne respondecas pri eventualaj eraroj de lingvo-uzo.



# Semoj kaj fruktoj estas en mia ĝardeno inseksaj.

## OBSERVADO ANTE LA VIRAN RASON .



Ekzistas nuntempe virinoj, kiuj asertas ke la tuta viraro, inkluzive de la bonaj, estas respondeca kaj kulpa pri la malbona, kaj kelkfoje krima, traktado ate de granda parto da ili ante la virinaron, eĉ tiuj multaj kiuj nur iomete traktas, ofte subkonscie, la virinaron kiel subklason sub la viraro. Same kiel la tuta germana raso sentas sin iom respondeca pri tio kion faris al la judoj nur malgranda parto de la germanoj. Tiuj virinoj asertas, ke la kulpo kuŝas en la fakto, ke laŭnature la viroj volas esti la regantoj en la homaro.

Nu, se tio veras, kaj mi inklinas kredi tion, la malagrabla virara mastremo estas parto de ilia natura karaktero, kaj tial ne efikos plibonigi, malmastremigi, la viraron, ĉar oni ne sukcesos. Same kiel oni ne sukcesos ŝanĝi la kruelan leonon al vegetarano, por ĉesigi liajn kaj ŝiajn kruelaĵojn por manĝi.

Kaj ĉar dum la historio de la homaro la virinaro kiel raso akceptis tiun sian subulemon, do eĉ ne sukcesos instigi la virinaron ribeli por transpreni la mastrumadon. Krome eble iom al tio rilatas la fizika konstruo de niaj korpoj, ĉe kiuj en la seksago la virino ricevas kaj la viro donas, ofte devigante. Se viroj kaj virinoj konsentas kunregi, tio eble estos kontraŭ nia natura karaktero kaj do malsincera.

Por mi persone tio ne estas problemo, ĉar mi kreskis en lando en kiu la virinoj konsideratis kontraŭnature kiel samrajtaj en la socio. Mi speciale konsciis pri tio post ol elmigri al Aŭstralio, kie tiu egaleco ne multe ekzistis.

Unu solveto estos nuligi la eternan geedziĝon kaj anstataŭigi ĝin per kvinjara geedziĝo ripetebla. *Marcel Leereveld.*

## PLI OL UNU VERBOJ .

Se troviĝas en esprimo pli ol unu verboj, ekzistas kvar malsamaj fenomenoj:

**1e**. La verboj estas adicioj de agoj: AŬ de finitivaj agoj: “Ŝi dancas kaj kantas; Li certe ĉeestos aŭ partoprenos”; AŬ de infinitivaj agoj post la finitiva: “Ŝi ŝatas danci kaj kanti; Li certe povos ĉeesti aŭ eĉ partopreni”. En tiaj kazoj unu el la finitivaj aŭ infinitivaj agoj NE determinas, NE difinas, la alian finitivan resp. infinitivan agon. La du (aŭ pli da) verboj tie kombiniĝas per unu el la konjunkcioj “kaj, aŭ, nek, aŭ duopaj: jen .....jen, k.t.p.”.

**2e**. La verboj rekte kombiniĝas sen konjunkcio nek prepozicio: “Ili volas retroiri; Ni iros naĝi”. En tiaj kazoj la unua verbo determinas, difinas, la sekvantan verbon: nur la unua estas en finitiva formo (= as, is, os, us, u) kaj la sekvantaj estas en infinitiva formo: “Ili volas retroiri; Ni esperas povi naĝi tie”. Escepte post la sep modaj helpverboj (povi, k.t.p) ĉiu dua aŭ tria verbo, en infinitiva formo ja, estas Gramatika Objekto de la malantaŭa verbo: “Ci certe deziros naĝi”, aŭ prepozitiva Adjekto, ĉe kiu la prepozicio antaŭ la infinitivo laŭregule malaperis: ”Ili sukcesos (en) konvinki ŝin; Mi inklinis (al) kredi lin”.

**3e**. Miksaĵo de 1e. kaj 2e., kie do devas ĉeesti pli ol du verboj: “Li deziras kaj certe kapablos transnaĝi la lagon; Ŝi decidis nek legi nek ludi”.

**4e.** Unu finitiva verbo kun unu (aŭ pli da) infinitivoj post unu el la jenaj prepozicioj: “por; krom; inter; anstataŭ; antaŭ ol; post ol” : “Li venis por helpi post ol manĝi; Ŝi dancis krom kanti; Antaŭ ol naĝi ni piedmanpilkludis”. *Marcel Leereveld.*

## GEEDZAJ ROMPIĜOJ .

Multaj virinoj tre suferas, kiam la edzo malfidelas kaj flirtas aŭ amas aŭ seksumas kun alia virino. Sed la virino suferas multe pli, se tio okazas publike. Bonŝance malmultaj viroj faras tion. La samo okazas al viroj, sed multe malpli.

Ie en mia familio io tia okazis, kaj mi plu hontas kvankam mi neniel estis parto de tiu skandalo. Cetere la koncernantoj jam ellonge mortis. Temas pri du samfamilianoj

geedziĝintaj. Post kelkaj jaroj la edzo havis sekretajn rilatojn kun alia, pli juna, virino. Tio iam finiĝis. Multajn jarojn poste, nelonge post la dua mondmilito, la ankoraŭa geedzparo vojaĝis per Esperanta aŭtobuso el Nederlando al S.A.T.-kongreso en Italujo. Dum la haltoj la edzo flirtis kaj amemis kun alia virino, vidvino kun infanoj. Miaj samfamilianoj sidis en la aŭtobuso kune, kompreneble, sed duonvoje, dum la longa vojaĝo, la edzo forlasis sian edzinon kaj eksidis apud la alia virino, kies infano do devis sidi kun mia samfamilianino. Tio okazis dum ĉiuj pasaĝeroj en la aŭtobuso povis vidi kaj aŭdi kio okazis. La viro kaj la vidvino nun bone amuziĝis kaj amemis. La samo okazis dum la tagoj kaj noktoj de la Esperanto-kongreso, kaj dum la tuta hejmvojaĝo.

Se tiu afero okazus nevidate de la publiko, pli malpli sekrete, mia samfamilianino verŝajne suferus, sed ĉar ĝi okazis tute publike, ŝi suferegis, kaj pro la honto la tutan vivon. Post tiu okazo mi kompreneble rompis kontakton kun tiu kruela samfamiliano.

Bonŝance plej multaj viroj ne havas la ŝancon esti tiom kruelaj, aŭ ne volas esti tiom kruelaj. Kaj tre malofte io tia okazas inverse, kie la virino tiamaniere kruelas. Malgraŭ la fakto ke mi rimarkis ke multaj, se ne ĉiuj, virinoj, eĉ la plej bonkoraj kaj amindaj, tendencas de tempo al tempo diri al sia edzo kritikon por "meti lin en sian lokon", do por ke li ne pensu tro bone pri si mem. La edzo normale sentas tion malagrable, sed penas forgesi la ofendon. Edzoj ne kapablas fari tion al siaj edzinoj; ili havas aliajn vicojn, se temas pri amo aŭ sekso.

*Marcel Leereveld*.

**KONSILOJ PRI PROPRAJ NOMOJ .**

La Propraj Nomoj klasifikeblas en tri grupojn: 1e. Zoologiaj, botanikaj, ŝtonsciencaj, k.t.p.; 2e. Homaj nomoj; kaj 3e. Geografiaj nomoj. La Geografiaj nomoj bezonos apartan artikolon.

**La Zoologiaj k.t.p. Nomoj.**

1e. Ni akceptu la relative tre malmutajn jam oficialajn terminojn por nocioj uzataj en la ĝenerala vivo. Cetere ĉi tiuj Esperantaj vortoj ne estas Propraj Nomoj. (cervo; ranunkolo; safiro; sulfuro).

2e. Por la resto de tiaj terminoj ni uzu la grek-latinajn nomojn, kiuj ja estas propraj nomoj, en la latina ortografio, kaj sen prononcindikoj. (Abramis blioca; Eucalyptus minata). Cetere ĉi tiuj sciencaj nomoj troviĝas en la Kodoj de Nomenklaturo Zoologia k.t.p.

3e. Nur se bezonataj, la Esperantistoj inventu kaj uzu, sed nur tre heziteme, kiel komunonomajn neologismojn, kaj la Akademio eventuale oficialigu, pliajn Esperantajn nomojn komunajn de ĉi tiu kategorio (pagelo; heliantemo; tantalumo).

4e. En sciencaj kaj semisciencaj verkoj, kaj, se utila, en nesciencaj verkoj, oni ĉiam ripetu post la Esperanta vorto, oficiala aŭ ne, la sciencan terminon.

**Homaj Nomoj.**

1e. Ni akceptu kaj uzu la malmultajn jam oficialajn Esperantajn nomojn por nefamiliaj nomoj. (Elizabeto; Johano). Sed nur se ni preferas ilin al la originaj nomoj en kiu ajn lingvo.

2e. La familiajn nomojn kaj la reston de la nefamiliaj nomoj ni uzu en la ortografio de la origina lingvo, sed ĉiam en latina literumo. (Chateaubriand; Vashti). Esperanto tamen havas kelkajn Esperantajn vortojn por famaj personoj, neneigeblajn.

3e. Ĉe la etnaj terminoj oni povas parenteze aldoni la prononcon, laŭ la Fonetika Internacia Alfabeto, kaj nepre ne laŭ la Esperanta alfabeto (kiu kreus stultajn sonojn: Gete;; Kuri).

4e. Nur se bezonataj (ja ekzistas en la mondo centoj kaj centoj kaj centoj da ili), la Esperantistoj inventu kaj uzu, sed nur tre heziteme, kiel neologismojn, kaj la Akademio eventuale oficialigu, pliajn Esperantajn nomojn personajn, inkluzive nomojn de klasiktempaj personoj kaj kvazaŭpersonoj. (Karolusmagno; Kleopatro; Ateno).

Persononomoj, ĉar uzataj por pli ol unu persono, povas kelkfoje esti en la pluralo.

Ankaŭ titoloj de gazetoj, libroj, teatraĵoj, k.t.p. estas propraj nomoj.

La radikoj de ĉiuj propraj nomoj, escepte titolojn, estas substantivoj. (Kristino; Blankulino).

La propraj nomoj havas antaŭ si la Artikolon nur se kun adjektivo. (La malgranda Eŭcalyptus miniata; la mirinda Mirando; Danubo; Uralmontaro).

La ortografio de la neologismoj ne bezonas aspekti kiel la origina literumado, ĉar ili legatas nur de Esperantistoj, kiuj ja scias la vortojn, kaj ne de ne-Esperantistoj. Ni neke bezonas sekvi la kutimon de la etnaj lingvoj, kelkfoje ŝanĝi nomon (Pekino; Bombajo; Birmo).

Por la miloj da lokaj nomoj por bestoj, plantoj kaj homoj mi proponas, ne traduki ilin en Esperanton (tiel duobligante P.I.V. ), sed lasi kaj uzi ilin en iliaj originaj formoj.

*Marcel Leereveld.*

## LA INFANECA KULTURO DE ESPERANTO.

Mi juĝas la Esperantajn modernajn kantojn kaj kantistojn la nura "kulturo" en Esperantujo. Ili havas tipan propran stilon, kvankam ili uzas la ritmon kaj la melodimankon de la ne-Eperanta kantado nuntempa. Mi juĝas ke ekzistas nenia alia kulturo en Esperanto. Oni enkondukis kelkajn tipajn esprimojn Esperantajn, sed ili estas infanecaj kaj tuj ridindaj por ne-Esperantistoj, kaj ĝuste. La saluto "ĝis la" ne estas kulturaĵo, ĝi eĉ ne estas Esperantaĵo ĉar en Esperanto, malsame kiel en la greka, la Gramatika Artikolo "la" ne povas uzati substantive. Kaj por metaforo devas ekzisti io komuna en la du esprimoj, dum ekzistas nenia komuna trajto inter baledo kaj kongreso. Do la figuraĵo "korifeo" estas sensenca, kaj ridinda. Kaj kial la simpla "gvidanto" ne sufiĉas en nia simpla lingvo? Same pri la stultaĵo "krokodili", ĉar ne ekzistas ia ajn komuna karaktero de "agi kiel krokodilo" kaj de "Esperantuje paroli etnan lingvon". Ekzistas ĉe "kabei" kaj ĉe "arĥitekturo de lingvo". Alia kulturaĵo estas havi specialan vorton, "spekti", por kiu la etnaj lingvoj kontentige uzas "rigardi" aŭ "vidi", ĉar estas normala ke oni ankaŭ aŭskultas dum la rigardado de ekz. opero. Do "spekti" estas bombasta nekulturaĵo evitinda. Same pri "datreveno". Same pri "dank' al", dum nenie en Esperanto ekzistas regulo ke oni povas anstataŭigi la adverban finaĵon per apostrofo. Legante tiujn niajn kulturaĵojn, ne-Esperantistoj rajte trovos nin infanecaj kaj senimagaj *Marcel Leereveld*. .





**3ZZZ** La elsendo de la 7a de januaro respondas al la demando "Kio estas familio?" je la vidpunkto de Joanne Johns, sed ĉu vi havus la saman respondon? Por tiuj, kiuj ŝatas historion , troveblas ankau informoj pri la japanoj soldatoj en Mongolio. *Franciska Toubale*